15-a jaro. — N-ro 10 (176) Oktobro 1929




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO: Fr. 20,—

EKSTERLANDO: Belgoj 5.—

ANTVERPENO

1929

# Belga Ligo Esperantista

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**
(Honora Prezidinto : formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro :**

Prezidanto pro honoro : A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: F. Schoofs, Kl. Hondstr.,11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj : L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstr. Bruselo.
Ĝen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St Liévin, Gento.
Kasisto : M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken-Antverpeno.

Direktoro de la oficiala organo : F. Schoofs.

**Komitato :**

**Konstantaj komitatanoj** : Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj :**

AALST : Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.
ANTVERPENO : « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUĜO : Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BRUSELO: Brusela Grupo Esperantista. - P. Kempeneers, R. Brihay.
BRAINE-L'ALLEUD : «La Verda Stelo de Brajno ».
CHARLEROI : — Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
GENTO : Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
KORTRIJK : Grupo Esperantista. — C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.
LIEĜO : Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO : Liera Stelo. — Jos Leflot.
LOKEREN : « Durma Stelo ». — A. Roels.
MEĤLENO : Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT : Esp. Grupo : L. Braet.
SPA : Grupo Esperantista. — J. Desonay.
S-ta NIKOLAO : Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.
SCLESSIN-LIEĜO : « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
TIRLEMONT : Grupo Esperantista. — Em. Rodeyns.
VERVIERS : Grupo Esperantista. — Jos Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco :**

Efektivaj membroj : F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj : Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

**Gazetara Servo :** F. Schoofs, Edg. De Coster.
**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo :** Fr. 20,— jare, inkluzive abono al «Belga Esperantisto».
**Poŝtĉeko : 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko : la grupoj bonvolu havigi al ni sian koncizan raporton je la fino de ĉiu monato.

15a JARO N-ro 10 (176) OKTOBRO 1929.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Direktoro : FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 943.74

Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al : Poŝtĉeko No 133767 de BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE. L. COGEN. W. DESCHUTTER. S-ino L. FAES H. PETIAU. F-ino R. SPIRA. F-ino J. VAN BOCKEL. H. VERMUYTEN.
**Ekspeda Servo :** FR COOL.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# PAROLADO DE D-ro FELIKS ZAMENHOF

**ĉe la 21a Universala Kongreso.**

Karaj ĉeestantoj.

Se mi diras, ke la 21a mondkongreso de Esperanto en Budapest estis bona, bela kaj efika, mi diros al vi nenion novan. Tion vi aŭdis multfoje dum la kongresa semajno. Pli elokvente kaj pli precize elparolis tie ĉi S-ro prezidanto kaj aliaj. Kiom agrable estis antaŭ 8 tagoj renkontiĝi kun amikoj malnovaj kaj novaj, refreŝigi rememorojn de kune travivitaj tagoj, eksenti sin denove ano de la granda esperantista familio, ekster ĉiuj klopodoj, ĉu politikaj ĉu religiaj-tiom malagrable estas adiaŭi. Kiu diras, ke sufiĉas unu kongreso por 2 jaroj, tiu eraras multe. (Granda aplaŭdo). Por nia movado la mondkongreso estas kvazaŭ anima ĝuo por ni ĉiuj, ĉar ĉiuj kongresoj estas vere sorĉmagiaj. Ili elŝiras malsanan semon, kiun plantis en ni al satano. Ili estas riĉaj je plej div. impresoj. Ili nobligas nin, kaj ĉar la nobleco devigas, la kongresano plej ofte venas hejmen noble agordita, instigita al noblaĵoj aŭ pli vere rezista kontraŭ malnoblaĵoj. Bedaŭrinde la kongreso jam finiĝas. Silentas jam la lasta sono de nia festo. Preta staras jam la verda veturilo. Baldaŭ ĉiu el ni okupas en ĝi sian lokon kaj ni troviĝas denove sur nia granda, jam bona, ebenigita vojo, sur tiu vojo, sur kiu kvazaŭ multmila formikaro ŝvarmas anoj de la esperantista familio. La familio faras kun sia lingvo kaj lango tian bruon, ke oni ĝin aŭdas tra la tuta mondo kaj konvinkiĝas, ke Esperanto vere vivas. Kara familio ! ne laciĝu, svarmu, kriu, enŝtoniĝu en la kapojn, orelojn kaj korojn kaj animon de ĉiu, kiu ĝis nun ankoraŭ ne fariĝis esperantisto. Indulgu nenium plu. Estu kvazaŭ torento, kiu superakvigas la mondon. Post la 20a kongreso en Antverpeno komence oni timis konsekvencojn de l'subita vento, kiuj estos dolorige sentataj ankoraŭ longe poste. En la kuirejo de nia movado bolis kiel en kaldrono. Sed kiu baldaŭ poste enrigardis en la kuirejon, povis rigardi, observi, ke ĉio

estis bona kaj ankaŭ la supo estis bona. La mastroj estas kontentaj, la kuiristoj ne malpacis. Oni laboris trankvile kaj kun espero. Tiom mi asertas, malgraŭ, ke mi mem ne estis en la kuirejo. Mi nur aŭdis, kiel al mia kuzo renkontiĝis onklo de unu el la kuiristoj. Tamen, ni efektive povas esti trankvilaj. La Esperanto-movado eniris la vojon glatan sen malfacilaĵoj, sen malhelpoj, Esperanto alakiris grandan potencon en la fajro kaj uraganoj kaj ne tre malproksima eble estas la tempo, kiam Esperanto levos la mondon sur tiun piedestalon, sur kiu vidis ĝin kaj sentis ĝin nobla koro de Ludoviko Zamenhof. Kaj ne tre malproksima eble estos la tempo, kiam sur neŭtrala lingva fundamento la popoloj faros en konsento veran, ne nur en vortoj, sed fakte, unu grandan rondon familian. La kongreso finiĝas. Nia verda veturilo, en kiu ne multaj el vi prenis la lokon antaŭ 42 jaroj ,kuras vigle kaj rapide. Laŭte sonas ĝiaj sonoriloj, anoncante ĉie nian gajan anaron. Vere mirinda estas la veturilo. Ju pli da lokoj okupiĝas en ĝi, des pli da lokoj fariĝas novaj, ju pli da pasaĝeroj alvenas, des pli malpeza kaj vigla estas ĝia kuro. Ĝia direktilo konsistas kvazaŭ el multaj remdirektiloj. Ĉiu el ni tenas po unu kaj ni veturas vigle kaj vigle.

Kompreneble estas, ke same kiel en ĉiu idealista movado, ankaŭ en la nia oni baras al ni ofte la vojon. Sed tion ne kaŭzas malnoblaj homoj, sed ofte homoj sindonemaj kaj fervoraj, kiuj, malfeliĉe, subiĝas al eraroj. Kiam la eraroj evidentiĝas oni tuj reordiĝas kaj veturas pluen. Se estas ankoraŭ iuj malkontentuloj, ni etendas al ili amike la manon. Eliru ili el la mallumo en la lumon de niaj kongresoj. Vidu, ili aŭdu kaj ekkonu nian forton kaj konkordemon. Nun oni akceptas nin ĉie bone, sed ne ĉiam estis same. Nia vojo iris tra densa mallumo, malhelo. Timo kaj malĝojo ofte akompanis nin. Sed ni veturis. Kontraŭ spita vento, spite homa fals', perfido, moko... Kun signalo de la «nova sento» ni de loko flugis al la loko. Krakis radoj de la veturillo, kliniĝadis ofte ĝi survoje. Kaj ni staris plende, sen konsilo : Kial, ho, ni ekveturis foje ?... Ni veturis. Kaj jen mia bonkonsilo, kian ni al voj' nin reekpuŝos: sidu firme sur la veturilo ! Kiu falos, kuŝos. (Forta aplaŭdo).

Laŭ stenografaĵo de Rob. Kreuz (Stolze-Schrey).

---

## 1924 Viena Defecito.

## AL LA TUTMONDA ESPERANTISTARO.

Karaj helpemaj amikoj,

Al vi ni nin turnas kun la celo elkuraci por ĉiam malsanon, kiu ĝenas kaj ĉagrenas ne nur la korpon sed ankaŭ la veran spiriton de la Esperanta movado.

Preskaŭ ĉiu samideano aŭdis pri la grava mondeficito, kiu rezultis el la Internacia Esperanta Kongreso okazinta en Vieno, 1924.

Multaj ridis pri tio; multaj mokis ; ankoraŭ pli multaj kondamnis. Aliflanke, kelkaj sindonemuloj donacis al la malplena kaso ; kaj, intertempe, malgranda grupo de Vienaj samideanoj akre suferis. Dume, la ĝenerala Esperantistaro daŭrigis sian feliĉan vojon tute nekonscia pri la kruelaj faktoj.

Nu, dum la Kongreso en Budapeŝt, ĉe speciala kunveno de la Ĝenerala Estraro de la Esperanto Movado, post alvoko de S-ro Stettler, Prezidanto de U.E.A. (kiu ĝisfunde esploris la tutan malgajan historion), oni elektis malgrandan komitaton, kies tasko estas fari lastan klopodon kolekti laŭeble sufiĉe da mono por pagi la deficiton. Ĝi konsistas el:

S-ro J. Merchant, Prezidanto de I.C.K.
S-ro Ed. Stettler, Prezidanto de U.E.A.
S-ro F. Schoofs, Sekretario-Kasisto de K.R.
S-ro P. Blaise, Honora Kasisto de B.E.A. kaj Komitatano de U.E.A.
(kiu estas nun komisiita kolekti la monon).

El la granda amaso de konfliktaj detaloj, asertoj, kondamnoj, kaj senkulpigoj, eliras unue la certa fakto, ke tuj post la Viena Kongreso restis ŝuldo de sv. fr. 15.540 (proksimume £ 620), kiu, ĝis fino de Junio, 1928, grade malpliiĝis ĝis sv. fr. 9,388, t. e. £ 376.

Pri la kaŭzoj de la malsukceso financa de tiu kongreso neniam ekzistos plena interkonsento, sed oni rajtas diri, ke aldone al eblaj maltaŭgaj aranĝoj, eraroj, senzorgemo, k.t.p., estis nerifuteble, ke plejparte malhelpis la nesufiĉaj aliĝoj, nesufiĉaj kotizoj, kaj lastmomentaj revokoj; la malvaloriĝo de mono diverslanda, kaj la malfavoraj cirkonstancoj politikaj kaj ĝeneralaj.

Ĝis Feb., 1926, la Vienanoj ricevis donacojn de sv. fr. 1.620 (£ 65), el kiu 1,000 fr. (£ 40) venis de U.E.A., kiu volis per tiu ofero el sia kapitalo montri la vojon al samideanoj helpemaj. Plie, per vendoj, procesa malgrandigo de ŝuldoj, k.t.p., la deficito fariĝis sv. fr. 9,830 (£ 395). Sed, malgraŭ ĉiuj postaj alvokoj pri helpo dum la sekvantaj jaroj la ŝuldoj plie malgrandiĝis nur ĝis sv. fr. 9,388 (£ 376).

Tiam la kreditoroj, presistoj kaj aliaj—kiuj, kompreneble, ne povis ĉiam atendi—decidis leĝe persekuti la restantajn membrojn de la Viena loka komitato. Oferante sian modestan havaĵon, deprenante el la salajro ĉion, kion ili ne bezonegis por la ekzisto de la familio, tiuj malfeliĉuloj devis pagi tiom, kiom ili povis, tio estas sv. fr. 5,623 (£ 225); kaj tiamaniere malpliiĝis la ŝuldo ĝis sv. fr. 3,765 (£ 151) en Decembro, 1928.

En la nuna jaro la malgranda aro de Vienanoj (kiuj iam estis la plej senkulpaj el la akuzitoj kaj tamen nun estas la sole ŝarĝitaj)—konsistas el KVAR modestaj Esperantistoj bonfame konataj kaj honestaj. Troe premitaj en la abismon de malfeliĉo kaj mizero, ili sendis korkrion al la Prezidanto de U.E.A., kiu promesis okupiĝi pri la afero nur se oni forlasus la diskuton pri jura kaj persona respondecoj; se oni ĉesus amasigi montojn da ciferoj, rezignus je la repago de ĝisnunaj personaj oferoj, kaj konsentus al provota kolekto je, ni diru, sv. fr. 5000 (£ 200), por pagi la restantan deficiton kaj, se eble, iomete helpi al tiuj Vienanoj, kiuj dum la lastaj jaroj sin senigis de ĉio por pagi la diritan sumon de sv. fr. 5623 (£ 225). (S-ro Stettler samtempe faris propran malavaran donacon).

de la tuta Esperantistaro ; ke ni parolu pri amo al la homaro ĝenerala, kaj ignoru la malfeliĉulojn en nia rondo mem : ke ni festu novajn kongresojn kaj forgesu la malĝojon de kelkaj malfeliĉaj organizintoj de la deksesa ?

Ne, milfoje ne ?

Memoru, tion, kion faris la bonkoraj Esperantistoj dum la milito; memoru kion ili faris kiam alvokis la infanoj de la militintaj landoj, kaj en centoj da aliaj bezon-okazoj. Tiam decidu, ke vi tuj alprenos VIAN parton de la terura ŝarĝo, kiu nun tiel premegas sur la ŝultrojn de niaj bonaj Vienaj amikoj. Kial ne tiamaniere solenigi la alproksimiĝantan Zamenhoftagon per malavara donaco ?

Jen vi vidas la makulon. Ĝin ellavu !

Jen vi komprenas la neceson serĉi viajn monujojn. Ilin larĝe malfermu !

Jen vi konscias, ke fine la momento venas por montri ne nur al la mondo, sed al ni mem, ke Esperantismo ĉiam atentas la krion de la koro, kaj la gravan bezonon de iu malfeliĉa homo. Ĝin ne preterlasu !

* * *

Sv. fr. 5000 (£ 200) unuavide ŝajnas esti sufiĉe grava sumo, sed se ĉiu individua Esperantisto konscience helpos laŭ sia modesta eblo, en unu jaro, eĉ en la daŭro de nur kelkaj monatoj, la tuta afero povos aranĝiĝi laŭ la kontento kaj feliĉo de ĉiuj koncernataj... t.e., de la tuta Esperantistaro.

Fidante kaj sindone,

MARGARET & PAUL BLAISE,

Oktobro, 1929. (Honoraj Kasistoj)

---

## LA KOLEKTADO.

Estas proponite, ke ĉiu nacia societo elektu reprezentanton kiu ricevos kaj forsendos la monon.

Kompreneble ĉiu individuo povos laŭprefere sendi la monon rekte al Ges. P. Blaise, « Bonveno », 47, Manor Way, North Harrow, Middx., Anglujo. Sed estos grava ŝparo de tempo, mono, kaj laboro, se la naciaj societoj aŭ la gazetoj elektos provizoran, fidindan kasiston, kiu, siavice, kolektos la monon. Sendu do la sumojn al la supra adreso aŭ al

U.E.A., 1, rue Tour de l'Ile, Genève (Poŝtĉeko I 2310) aŭ al

S-ro F. Schoofs, 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno, Belgujo. (Poŝtĉeko 28420).

Ĉiu sumo estos tuj avizita poŝtkarte al la sendinto ; kaj de tempo al tempo aperos listoj (en « Esperanto ») de la sumoj ricevitaj, kun peto ke aliaj gazetoj represu.

Ni esperas, ke la Esperantistaj grupoj en ĉiuj landoj helpos laŭeble per rond-kolekto, kaj tiamaniere, certe, la tuta sumo tre facile kaj rapide kolektiĝos.

Estu konkurado inter la landoj !


LA VOIX DE SON MAITRE

# BELGA KRONIKO

**Antverpeno.** «La Verda Stelo». Dimanĉon la 1an, sufiĉe multnombre la ekskursemuloj iris al la bela kaj interesa urbo Liero. Tie ilin akceptis S-ro Jos. Leflot, la vigla Prezidanto de la Liera Grupo Esperantista. La tutan matenon, senlace oni promenadis kaj vizitis la beginejon, unu el la plej belaj kaj eble la plej kompleta el nia lando.

La komunan tagmanĝon partoprenis multaj gesamideanoj de aliaj urboj.

Sabaton, la 7an estis la ĝenerala kunveno, dum kiu tutkore kaj entuziasme la multnombraj geamikoj de nia samideano Jos. Van Bockel lin salutis antaŭ lia forveturo al Kongolando.

Ĵaŭdon la 12a, malfermiĝis la unua kurso de tiuĉi sezono kaj enskribigis sin 32 kursanoj. Tiun kurson bonvolas gvidi F-ino Maria Jacobs.

Sabaton 14an por la lasta « Somerbalo » en Parko Te Boulaer, venis la kutimaj dancemuloj. Ĝis la lasta momento oni dancadis kun fervoro la «ŝanĝan dancon » bone organizitan de nia sindonema festestro S-ro L. D'Hondt.

Sabaton la 21an, S-ro Schoofs, en « Brasserie de la Bourse » faris tre interesan paroladon pri la organizo de la Esperanto-movado.

Sabaton la 28an. Granda sukceso por la mitulvespermanĝo. Pli ol 45 samideanoj kunvenis sur la Steen pontono kaj unua klase faris la vojaĝon al St. Anne. Ĉu ne la «Verda Stelo» riĉiĝas? Ni aldonu ke pro la purigo de la dua klaso sur la ŝipo ni estis konforte instalitaj en la unua klaso de la bela, nova « Yzer»-ŝipo. La komunan vespremanĝon partoprenis 50 gemembroj. Je deca horo, ĉiuj partoprenintoj revenis Antverpenon.

**La Laborista Popol-universitato** malfermis novajn Esperanto-kursojn: du elementajn gviditajn de S-roj Em. Willekens kaj Is. Van Praag, kaj unu perfektigan gviditan de S-ro Em. Willekens. Ili havas entute sesdekon da lernantoj. Tiuj kursoj estis anoncitaj en la bela prospekto, kiun tiu popola universitato eldonis pri la lernojaro 1929-30.

**Aalst.** — Plene sukcesinta Esperanto-tago okazis dimanĉon 13an de Oktobro, je la honoro de S-ro Bas, la iniciatoro de la movado en Aalst kaj la fondinto de la tiea grupo. Cento da gesamideanoj venis al ĉiuj flankoj por festi nian sindoneman amikon. Post kora akcepto en la sidejo de la grupo oni vizitis, sub la gvidado de S-roj Dekegel kaj Collin, la diversajn vidindaĵojn de la urbo. Je la 13a okazis bone zorgita komuna tagmanĝo, kie regis plej agrabla kaj intima atmosfero. Je l'momento de la toastoj, S-ro R. De Kegel, Vic-prezidanto de la grupo de Aalst, dankis pro la nombra ĉeestantaro. Li profitis la okazon por gratuli S-ron Bas pro la, dank'al li, bela rezultato akirita en Aalst kaj donacis al li, kiel memorajn, belan fotografaĵon de liaj unuaj gelernantoj. S-ro Schoofs ,prezidanto de Belga Ligo kaj D-ro Kempeneers, prezidanto de la Brusela grupo, siavice dankis kaj gratulis S-ron Bas

pro lia sindonemo por nia afero. S-ro Bas dankis kaj incitis ĉiujn al senĉesa kaj praktika propaganda laboro.

Post digesta promenado en la bela parko la gevizitantoj ĉeestis festeton en la grupa sidejo; kantoj, deklamaĵoj de « Pionir »-anoj agrabligis tiun kunvenon dum kiu aro da gemembroj de la Brusela grupo tre bone ludis la amuzigan teatraĵon : « La Angla Lingvo sen Profesoro ». Vigla balo finigis tiun agrablan vesperon kaj ĉiu reiris hejmen plej kontenta pri sia restado kaj akceptado en Aalst. Plej korajn dankojn kaj gratulojn meritas la organizintoj de tiu sukcesplena Esperanto-Tago !

**Bruselo.** — « Brusela Grupo Esperantista » reelektis sian komitaton la 28an de Oktobro, jene : Prezidanto : D-ro Paul Kempeneers, Vicprezidanto : S-ro Lod. Bas, Sekretario : S-ro Raym. Brihay, Kasisto : S-ro Spielfiedel, Membroj : S-roj D-ro W. Van der Biest, Lavisse kaj F-ino S. Obozinski.

La delegitoj de la Brusela grupo en la Komitato de la Belga Ligo estas : S-roj Paul Kempeneers kaj R. Brihay.

**Gento.** — Nova kurso komenciĝis por dekduo da gelernantoj. La grupa kunveno okazas ĉiumerkrede, je la 19a en la urba lernejo: St. Pieters-Nieuwstraat 47.

**Lieĝo.** — La organiza komitato de nia proksima nacia kongreso en Lieĝo estas starigita jene : Prezidanto : S-ro Kapitano Moncousin, 253, Rue de Campine, Liége, Vicprezidantoj : S-roj Hérion, Verviers, kaj Bissot, Sclessin. Sekretario-Kasisto: S-ro R. Dechesne, 1, Rue Ernest Solvay, Sclessin-Liége. Komitatanoj: S-roj Turc, Delvoie, el Liége kaj Gaspard Blause, el Verviers. Tiu komitato ageme laboras por la organizado de la kongreso kaj niaj Lieĝaj amikoj organizas grandan propagandon en la urbo kaj baldaŭ malfermos novan kurson.

**Verviers.** — S-ro M. Schnitzler gvidas kursojn por ĉirkaŭ 30 gelernantoj de la 4a grado de la urbaj lernejoj. Tiuj kursoj okazas ĉiumarde por la knabinoj kaj ĉiuvendrede por la knaboj. S-ro Simon, Direktoro de la urbaj lernejoj, montras sin tre favora al tiuj kursoj kiujn li vizitis por kuraĝigi la infanojn kaj la profesoron. Ni deziras al niaj Verviersaj amikoj plej bonan sukceson por tiuj tre interesaj kursoj.

---

## LA 19a BELGA ESPERANTO-KONGRESO

La Estraro de « Belga Ligo Esperantista », havas la plezuron, sciigi ke la 19a Belga Esperanto-Kongreso okazos en Lieĝo, je la Pentekostaj tagoj de 1930. Pro tio, ke en 1930 nia nacia Esperantista Ligo festos la 25-jaran datrevenon de sia fondiĝo, tiu kongreso havos specialan signifon. Niaj lokaj samideanoj-organizantoj jam nun sin okupas por doni al ĝi apartan brilon kaj ni ne dubas, ke ĉiuj belgaj Esperantistoj helpos por ĝin sukcesigi, precipe per multnombra ĉeesto.

Ni publikigos kiel eble plej baldaŭ pli detalajn informojn.

## GRATULOJ

Al D-ro **Paul Kempeneers,** vic-prezidanto de Belga Ligo Esperantista, prezidanto de Brusela Grupo Esp., kaj al F-ino **Diny Bennink,** membrino de tiu grupo, kiuj geedziĝis la 26an de Julio.

Al S-ro **Marcel Roost,** membro de « La Verda Stelo », gvidanto de la Somera Universitato ĉe la 20a universala kongreso, reprezentanto de la Intern. Asocio de Juristoj Esperantistaj, kiu estis elektita, la 2an de Oktobro, kiel prezidanton de la Antverpena sekcio de la Nacia Federacio de Militinvalidoj.

## FORIROJ

Pro profesiaj celoj forlasis la landon du membroj de « La Verda Stelo », nome **S-ro Jos. Van Bockel,** kiu forveturis la 10an de Septembro el Antverpeno al Kongolando per la v/ŝ « Albertville », kaj **S-ro Ernest Van Steen,** la 9an de Oktobro el Amsterdam al Rio de Janeiro per v/ŝ « Flandria ». Niaj koraj bondeziroj akompanu ilin !

## NEKROLOGO

**S-ino V-ino J. Gras-De Visser,** avino de F-ino Adrienne Peeters, membrino de « La Verda Stelo », mortis 80-jara la 21an de Oktobro. Al la funebranta familio ni prezentas nian plej sinceran kondolencesprimon.

## BELGA GAZETARO KAJ ESPERANTO

En Oktobro ni notas la bonegan akcepton, kiun la tuta belga gazetaro faris al niaj komunikoj diversaj pri la organizo de la Esperanto-kursoj, kiujn nia Ligo dissendas el «Radio-Belgique».

« De Volksstem », el Aalst, regule raportas pri la agado de la loka Esperanto-grupo « Pioniro », kaj dediĉis specialajn artikoletojn al la organizo de la propaganda festo organizita de tiu grupo la 13an de Oktobro.

« Le Ralliement », el Bruselo, propagandas por kurso organizita en la sindikata domo de la ĉefurbo. En tiu gazeto ni ankaŭ trovas informon, ke la Internacia Federacio de Transportlaboristoj intencas eldoni bultenon redaktotan nur en Esperanto. Por efektivigi la ideon estas petata minimuma abonantaro de 1500. Interesuloj skribu I. F. T., Vondelstraat, 61, Amsterdam.

« L'Indépendance Belge », raportis favore pri parolado farita de nia samideano P. Kempeneers, antaŭ la korpuso de la ĝendarmoj en Bruselo.

Tre grava fakto laŭ propaganda vidpunkto estas la publikigo, kiun komencis la bela radio-revuo « Belga Radio », de Esperanto-kurso en franca lingvo. Efektive, krom la kutima resumo de la enhavo, en Esperanto, la numero de Septembro prezentas la unuan lecionon de la

dirita kurso. Tiu unua leciono konsistas el du paĝoj da klarigoj, vortaro kaj ekzercoj, plej taŭge elektitaj de « Radiamanto », pseŭdonimo sub kiu sin kaŝas nia bona amiko L. Bas, el Bruselo.

La Esperanto-kurso por infanoj, kiu aperos en la ilustrita infangazeto « Na de School » konsistos el 20 duoblaj lecionoj kun aplikoj parolaj kaj skribaj. Ili daŭros 20 semajnojn komencante la 1 Januaro 1930 ; ili aperos do dum la monatoj Januaro, Februaro, Marto, Aprilo kaj Majo.

# PROMENADO EN LIERO

(Ian de Septembro 1929).

Liero ! Malmultaj el ni povus fieri esti vizitintaj tiun provincan urbon, mi volas diri : turiste viziti, nur allogitaj de ĝiaj monumentoj aŭ aliaj vidindaĵoj. Ĉiuj, kiuj jam eniris la urbeton, ĉu pro negocaferoj, ĉu por rapida vizito, ne vere konas tiun ĉarman lokon.

Antaŭ ĉio, mi diru, ke oni ne volonte vizitas lokon, kiu kuŝas iom aparte el la ĉefaj vojoj, kiel estas la okazo por Liero, kaj mi konfesas,ke estas nur la okazo prezentita al ni de la Brusela Grupo Esperantista, kiu havigis al mi la plezuron de tiu malkovro.

Kiel vi scias, Liero kuŝas inter la du Netoj, kiuj ŝajnas patrine protekti la urbeton same kiel inter du brakoj.

La urbo enhavas 27.000 loĝantojn.

En ĝia provinca angulo, Liero estas konata pro siaj specialaj bonegaj tortoj, kiujn la loĝantoj de la regiono, kaj precipe de Antverpeno multe ŝatas.

La poetaj aspektoj de la urbo allogis la pentristojn kaj la poetojn inter kiuj, kelkaj ŝatis restadi en ĝi por tie ĉerpi inspiron de siaj verkoj.

Oni nomas Liero « la urbo de la ŝafkapoj », sed mi ne povas klarigi kial.

Liero estas tre malnova urbo, efektive, ĝi ekzistis jam je la fino de la VIII-a jarcento, kaj oni parolas pri ĝi en dokumento de 1212 tio pruvas ke, je tiu epoko, ĝi jam estis konsiderinda. Cetere, en 1213 la Lieranoj distingiĝis dum la batalo de Montenaeken.

Tuj depost la komenco de la XIII-a jarcento ,la dukoj de Brabanto elektis Lieron kiel restadejon ; kaj la fabrikado de la drapo estis tre prospera. Je la XIV-a jarcento, estis tie tre grava brutfoiro.

Je la XIV-a jarcento, estis tie tre grava brutfoiro.

La belfrido datumas el tiu epoko, same kiel la poŝtoficejo, kiu estas tre interesa specimeno de la flandra stilo por la civitana arkitekturo dum la XIV-a jarcento. La preĝejo St Gommaro datumas ankaŭ de la XIV-a, almenaŭ kelkaj partoj el ĝi, ĉar ĝi estis finita nur en 1515.

Tiu preĝejo enhavis belegan artan kolorvitraĵon de la specialista pentristo Rombaud Kelderman. Bedaŭrinde, la milito detruis ĝin grandparte, restas nur pecojn. Estas grava perdo por la arto. Tie oni trovis ankaŭ la faman triptikon de Colibrandere prezentantan la edziniĝon de Jozefo kun Mario, kiu estas atribuita al Jean Gossart, nomita ankaŭ : Mabuse (1470-1533). Sed mi bedaŭras, ke mi ne vidis

ĝin; Ĉu ĝi estas kaŝita, ĉu transportita aliloken? Ankaŭ la jubeo estas rimarkinda. Vere ŝtona punto. Estas la XV-a jarcento, kiu sin montras en sia tuta belbrilego.

Kiel historiajn faktojn, oni citas en 1496, la edziĝon de Filipo la Bela kun Johanino de Kastiljo, kiu okazigis ĝojfestojn eksterordinarajn.

En 1582, la hispana Furio malpligrandigis la urbon.

En 1595, kun la helpo de la Antverpenanoj kaj de la Mehlenanoj, la Lieranoj venkis la holandajn soldatojn.

La regado de Alberto kaj Izabelo restarigis la kvieton kaj la prosperon en la urbeto, kiu riĉiĝis je multaj ĉefverkoj.

Dum la XVII-a jarcento, la artoj prosperis kaj oni povus fari specialan studon pri tio, kio ne povas trovi lokon en tiu ĉi raporto.

Je la XVIIIa jarcento oni devas citi la jenan tre interesan fakton : la plivastiĝo de la bierfarejoj, kie oni fabrikis specialan bieron, bonegan kaj tre ŝatatan ankoraŭ nuntempe.

En 1789, la « ŝafkapuloj » partoprenis la Brabantan revolucion kaj la « Figoj », tio estas la aŭstroj, pri tio suferis.

Poste, la franca okupado ne ĝojigis la Lieranojn. La hotelo « de la Komerco » sur la granda placo datumiĝas de la Imperia epoko, sed suferis de la lasta milito, kaj oni ĝin riparis antaŭ kelkaj jaroj.

Pli malfrue, la liganaj armeoj forpelis la francojn, sed tiu ŝanĝo ne estis feliĉa por la loĝantoj, ĉar oni citas versojn de tiu epoko, kies la traduko estas :

« Von Bülow liberigis nin de la francoj.

» Sed tio kostis al ni multe da alkoholo kaj da bastonfrapoj ».

Poste forpasis kvieta periodo ĝis la revolucio de 1830 kiam la Lieranoj kovriĝis de gloro.

Nenion tre rimarkindan poste, ĝis la katrastrofo de 1914, kiu detruis multajn memoraĵojn el la estinteco.

Inter la vidindaĵoj, mi devas paroli pri la « Beginejo ». Tiu ĉi ne estis trafita dum la bombardadoj kaj konservis sian poetecan aspekton, propra al tiuj anguloj, specialajn al niaj flandraj urboj.

Efektive, pentrinda loko estas tiu aro da dometoj, kiuj ŝajnas kadukiĝantaj, kun la muroj kalkumitaj kaj traboritaj per pordetoj kaj fenestretoj. Ĝi konsistas el amaso da vojetoj kaj senelirejoj tre kuriozaj. Sed tio, kion oni devas precipe admiri, estas la harmonio de koloroj estigita de la blanko de la muroj, la ruĝo de la tegmentoj, la bronzo aŭ la purpuro de la pordoj kaj la verdo de la arbustoj kun la freŝa brilo de la florumitaj ĝardenoj, kiun oni ekvidas kelkfoje, ho tro malofte, kiam pordo malfermiĝas hazarde.

---

Tiuj kelkaj vortoj diritaj pri la okazintaĵoj ĉe la urbeto mi nun parolos pri la vizito mem de la grupo.

Je nia alveno ĉe la stacidomo, iomete antaŭ la 9-a, jam sur la placo estis kunigitaj multnombraj Antverpenaj kaj Lieraj samideanoj. Je la unua rango de tiuj lastaj staris S-ro Leflot, prezidanto, kiu, vere

afable, bonvenigis nin kaj tuj proponis, ke ni sekvu lin al la hotelo por refortigi nin per taso da kafo. Kaj poste komenciĝis la vizito sub la gvidado de tiu nelacigebla S-ro Leflot. Ni formis karavanon de 60 gesamideanoj. Tute proksime apud la hotelo, staras la muzeo Wuyts-Campen. Nova konstruaĵo en stilo de la XV-a jarcento. Je la peto de S-ro Leflot, la konservisto montris al ni kaj klarigis por ni la plej interesajn pentraĵojn, inter kiuj ni admiris originalajn verkojn de Teniers, Van Dyck, Rubens, Dujardin, Vandevelde, k.t.p.

Kelkaj paŝoj poste, ni alvenis al la granda placo. Malfeliĉe, grandparte detruita de la milito. Je la angulo, ni vidas belan malnovan domon, kaj ĉe la alia flanko, la belfrido, majeste staras kaj montras sian naskiĝjaron 1369. Ĝi apogas sin kontraŭ la urbdomo de tre bela stilo. En la pavimo de la placo, blanka linio montras la direkton Sudo-Nordon. Kiam la suno antaŭenjetas la ombron de tiu angulo ekzakte sur la linio, estas precize tagmezo.

Daŭrigante nian promenadon ni trapasis malnovan pordegon, lasta restaĵo de la unuaj ĉirkaŭremparoj de la urbo.

Post kelkaj paŝoj ni alvenas al la beginejo pri kiu mi jam parolis. Ni longe vizitis ĝin. La preĝejo de tiu beginejo datumiĝas de la XVIII-a jarcento kaj meritas ankoraŭ viziton. Tie kaj tie, ni rimarkis kelkajn kuriozaĵojn de la estintaj jarcentoj, kiel ekzemple : belan feran pumpilon, kaj kuriozajn serurojn, kiuj kredeble estas tre praktikaj, kiam oni iras hejmen nokte, ĉar sistemo permesas trovi faicle la serurtruon, Vere, estas poeta kvartalo, el kiu ni foriris kun bedaŭroj.

Ni alvenis sur belan promenadon kiu ĉirkaŭas la urbon. Estas la loko de la dua ĉirkaŭremparo detruita antaŭ longe kaj nun provizita per multaj arboj, arbustoj, herbejoj, floroj, statuoj, k.t.p. Freŝa vojeto alvenigas nin al la parko, kie lageto ankoraŭ pli refreŝigas la varman aeron de tiu somera tage.

Unuvorte: agrabla promenado. Mi certe forgesas multajn detalojn, sed mi havas ankoraŭ la taskon rakonti al vi ĉarman parton de la vojaĝo. Dum la tagmanĝo okazis intima manifestacio en kiu S-ro Leflot estis la heroo. S-ro Schoofs, je la nomo ne nur de la ĉeestantoj sed de la tuta Belga Ligo Esperantista, gratulis la maljunan pioniron de la Esperanta movado. Li rememoris, ke S-ro Leflot lernis nian lingvon antaŭ 17 jaroj kiam li jam ne plu estis junulo. Kaj de tiu epoko, senŝanceliĝe, li vigle batalas por nia idealo. Ne forgesu, ke tiu amiko estas 70 jara, ke li multe laboris profesie kaj ankoraŭ laboras, tamen, li estas ankoraŭ pli lerta, pli vigla, korpe kaj sprite ol multaj junuloj. Li multe kreskigis la Esperantan kaŭzon en sia urbeto, kaj S-ro Schoofs deziris ke li ankoraŭ daŭrigu sian belan taskon dum multe da jaroj. Post kio, kelkaj Esperantaj libroj estis donacataj al S-ro Leflot kiu per simplaj vortoj, sed vere kortuŝite, dankis kaj aldonis, ke li nur faris sian devon, dezirante ke la juna generacio faru same por ĉiam plialtigi la Verdan Stelon.

Resume, tre agrabla tago en Esperantujo belga.

# Por la Esperanto-Librotago

## 15 DECEMBRO

***Por honorigi nian karmemoran Majstron kaj akiri puran Zamenhofan stiion oni ellernu liajn Verkojn***

| | Fr. |
|---|---|
| ***Fundamentaj Verkoj.*** | |
| FUNDAMENTO DE ESPERANTO. Antaŭparolo, Gramatiko, Ekzercaro, Universala Vortaro. *Eldono kvinlingva* (franca-angla-germana-rŭsa-pola). | |
| Unu volumo in 16, XI + 184-paĝa . . . . . . | 8 |
| Eldono Flandra. . . . . . . . . . | 5 |
| FUNDAMENTA KRESTOMATIO. Ekzercoj, Fabeloj kaj Rakontoj, Artikoloj pri Esperanto, Poezio. Unu volumo in-16, 460-paĝa . . . . . . . . . . | 20 |
| LINGVAJ RESPONDOJ (PLENA KOLEKTO). Unu volumo in-8, 94-paĝa . . . . . . . . . | 10 |
| PROVERBARO ESPERANTA, laŭ la verko "Frazeologio rusa-pola-franca-germana", de M. *F. Zamenhof* (1232 proverboj). Unu volumo in-8, 82-paĝa . . . . . . | 10 |
| ***Tradukoj.*** | |
| FABELOJ DE ANDERSEN. Unua volumo in-8, 152 paĝa. Dua volumo in-8, 154-paĝa . . . . . . . . | 12 |
| GEORGO DANDIN, komedio en 3 aktoj, de *Molière*. Unu volumo, in-8, 52-paĝa . . . . . . . . . | 6 |
| HAMLETO, tragedio en 5 aktoj, de *Shakespeare*. Unu volumo in-16, 170-paĝa . . . . . . . . | 10 |
| IFIGENIO EN TAŬRIDO, dramo en 5 aktoj, de *Gœthe*. Unu volumo in-8, 108-paĝa. . . . . . . . | 12 |
| LA RABENO DE BAĤARAĤ, de *Heine*; LA GIMNAZIO, de *Ŝalom Alejĥem*. Unu volumo in-8, 68-paĝa . . . | 8 |
| LA RABISTOJ, dramo en kvin aktoj, de *Schiller*. Unu volumo in-8, 144-paĝa . . . . . . . . . . | 12 |
| LA REVIZORO, komedio en kvin aktoj, de *N-V. Gogol*. Unu volumo in-8, 100-paĝa . . . . . . . . | 12 |
| MARTA, rakonto, de *Elisa Orzeszko*. Unu volumo in-8, 237-paĝa | 20 |
| LA BATALO DE LA VIVO, de *Ch Dickens*. Unu volumo in-8, 88-paĝa . . . . . . . . . . | 12 |

**Por sendokostoj onu aldonu 10 %**

*MENDU ĈE*

**BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, K. S.**

**11, rue du Petit Chien, ANVERPENO, Kleine Hondstraat, 11**

*aŭ oni pagu (se eble) per poŝtĉeko al No* **168958** *de*

**BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, K. S.**

**Agu Praktike !**

Skribu vian mendon sur la **kupono** de la poŝtĉeka pagilo aŭ transpagilo.



## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Belga Teritorio.

Al la Membroj de U.E.A.,

Ni havas la honoron sciigi al vi, ke la Asocia jaro finiĝis la 31an de Oktobro, kaj ke de nun la kotizo por 1930 estas pagebla.

Por la belgaj membroj la favorkotizoj restis fiksitaj por 1930 je : por **Membro : Fr. 16,— ; por Membro-Abonanto : Fr. 40,— ; por Membro Subtenanto : fr. 175,—.** ... ...

La membroj, malnovaj kaj novaj, kiuj pagos antaŭ la 31a de Decembro 1929, ricevos **belan premion de frapago.** ...

Delegitoj kaj membroj, kiuj varbas novan anon, ricevos specialan **premion de varbado,** same kiel la antaŭajn jarojn.

Ni fidas, ke vi volos faciligi nian administran laboron, tiun de la Centra Oficejo kaj samtempe servi al via propra profito, pagante vian kotizon kiel eble plej baldaŭ al la poŝtĉekkonto de via loka delegito. Se delegito ne ekzistas ankoraŭ en via loko, sendu ĝin al poŝtĉekkonto n° 284.20 de la ĉefdelegito.

Bonvolu atenti, ke la **Respondkuponoj de UEA** kun limtago 31a de Decembro 1929 devas esti resendotaj por repago. Post la fiksita dato la Centra Oficejo ne plu akceptos ilin. Se vi havas do tiajn kuponojn bonvolu ilin tuj resendi al via delegito, kiu, post resendo al la belga Teritoria oficejo, ricevos interŝanĝe kuponojn de la dua serio, kiu cirkulas ĝis la 31a de Decembro 1932.

La Ĉefdelegito :
Frans SCHOOFS.

# DANKON

Urĝan dankon mi devas esprimi al samideano Maur. Jaumotte, ĉar li malkovris al mi la varman fonton de la poezio. Post streĉ-atenta studado de unuaj kolonoj de lia Rimvortaro, mi sentis vekiĝi en mi la poezian talenton, kiun mi ĝis nun nur admiris en aliaj. Mi neniam forgesos tiun momenton de feliĉa memkonsciiĝo !

Per unu inspirita gesto, mi transdonis al mia edzino mian muzikeman ideton, liberigis min de mia jako, plenigis mian hungaran pipon — donaco el la Budapeŝta kongreso — kaj sur virgan paperon mi ŝutis el miaj ĉemizo-manikoj la jenajn modestajn versojn, kiujn mi humile petas presigi kiel ekzemplon por la legantoj, kiuj ĝis nun ne sentis la pulsbaton de la plej alta poezia emocio en la ĉiutaga banala vivo.

Permesu al mi tamen ne ankoraŭ konigi mian nomon, ĉar estos pli honoriga por ĉi tiu revuo se mi en posta tempo — post la tuta apero de la Rimaro — povos aldoni la titolon « Akademiano ».

---

# LI

Li, humila kiel kardo,
Estis malfeliĉa Sardo,
Naskiĝinta laŭ hazardo,
Je la antaŭfasta Mardo,
En la stato de bastardo.
Loĝadante en mansardo
— ne paginda per liardo —
Manĝis panon kun mustardo,
Ne sopiris li al lardo,
Al bongusta la gurnardo,
Al alloga la otardo.
Nur vestita per fulardo,
Ornamita per kokardo,
Li promenis sur bulvardo,
Kun bastono de bilardo.
Kvazaŭ riĉa je miliardo
Kantegante kiel bardo

De la juna Avangardo,
Malatente pri singardo,
Pri prudenta la boardo,
Dum la poezia ardo.
Ve, alvenis kun standardo,
Je distanco de miljardo,
Grup', armita per ponardo,
Per minaca halebardo ;
- De « bonmoroj» ja la gardo!
Vidis lin dum ekrigardo :
-- «Ĉu ne estas kamizardo ? —
Sin preparis al bombardo.
Sin defendis leopardo
Kaj li ĵetis per petardo !

Oni - mankis lin la hardo -
Lin forportis sur brankardo...

---

# LA MALLABOREMULO

Mallaboremulo estas bona por nenio. La aferoj enuigas lin, la serioza legado lacigas lin. Oni devus pasigi al li lian vivon sur ripozlito. Kiam li laboras, la momentoj ŝajnas horojn al li. Kiam li amuzas sin, la horoj ŝajnas nur momento. Lia tuta tempo forkuras, li ne scias kion li faris per ĝi; li lasas forflui ĝin kiel akvo sub la pontoj. Se vi demandas

al li kion li faris dum sia matentempo li scias nenion pri tio, ĉar li estas vivinta sen sonĝi ke li vivis; li dormis kiel eble plej malfrue vestis sin tre malrapide, parolis al kiu ajn, promenetis en sia ĉambro. La vespermanĝo venis kaj lia tuta vivo pasos kiel tiu tago. Ankoraŭ unu fojon, la mallaboremulo estas bona por nenio.

FENELON. Tradukis P. Rogiers.

---

## HUMORAĴOJ

**Interpelacianto.** — Ĉu la honorinda kandidato povus diri al mi kial la nacia flago flirtanta super la tribuno pendas renversite.

**La kandidato.** — Ha, sinjoro, tion mi bedaŭras kiel vi. Eble la viro ŝarĝita por prepari ĉi-tiun salonegon estas malbona patrioto kaj li malŝatas sian naskiĝan teron ĝis nesciado de l'rekteco kaj renverseco de nia glora standardo !

**La interpelacianto.** — La honorinda kandidato, tiaokaze, estos feliĉa eksciante ke la standardo ne pendas renversite ! !

---

**En la lernejo.** — Nomu al mi du gravajn aferojn tute ne konitajn antaŭ cent jaroj !

— Vi kaj mi, majstro !

---

Li. — Ŝajnas ke via patro diris bonon pri mi ?
Ŝi. — Jes, sed tio estis nur petolaĵo: estis nur por ekkolerigi panjon!

---

— Oni diras ke viro edziĝinta vivas pli longe ol fraŭlo.

— Ĉu vere ?... La tempo ŝajnas al li pli longa, kaj jen la nura diferenco !

---

**Ĉe la kombisto.** — La kliento. — Kiom mi ŝuldas ?

La Kombisto. — Unu barbo : du frankojn !

La kliento. — Du frankojn ? Sed vi afiŝas : « barbo, unu frankon ».

La kombisto. — Jes! Sed sinjoro havas mentonon duetaĝan !

---

**Inter amikoj.** — Ci estas en funebro ? Kara amiko, ci do perdis iun?

— Kiel do ! Antaŭ unu monato mi perdis mian onklon Antonion ; pasintan semajnon, mian edzinon...

— Kondolencojn ! kion ci volas, mia kara; estas tiaj malbonŝancaj periodoj en la vivo. Ekzemple, mi, en unu semajno, mi perdis tri pluvombrelojn...

# DIVERSAJ INFORMOJ

**La Aŭstralia Okcidenta Kongreso Esperantista** okazis en Perth de la 8a ĝis la 14a de Oktobro.

**S-ro Otto Drössler,** Sonnbergplatz, 1, Vieno, XIX, Aŭstrujo, instruas Esperanton al la infanoj 10-14 jaraj de sia lernejo, kaj petas havigi al li por tiuj infanoj tradukon de kiu ajn malgranda rakonto, novelo aŭ legendo kaj se eble de karakteriza kantaĵeto de diversaj popoloj. La ricevitan materialon li uzos poste por kunmeto de internacia legolibreto, por vigligi la instruadon de Esperanto. Al ĉiu sendo oni bonvolu aldoni ilustritan poŝtkarton.

**Universala Komerca Trafikservo** estas fondita en Vieno kun la celo servi kaj utili al la praktika vivbezono per Esperanto. Interesuloj sin turnu al la oficejo : Vieno, I., Herrengasse 2, Aŭstrujo.

**Metalista sekcio** de Sennacieca Asocio tutmonda estas starigita. La gvidanto estas Walter Ernst, Karlstrasse 24, Forst N/L., Germanujo.

**La Tutmonda Polica Ligo** ree ekfunkcios regule de la jaro 1930, provizora komitato konsistanta el S-roj P. Beier, A. Pohle, P. Teuchner kaj A. Grafe, direktas la aferojn ĝis la elekto de definitiva estraro. Interesiĝantoj sin turnu al S-ro A. Gräfe, Polizeipräsidium, Leipzig C.I.

**En Okcidento Nenio nova,** la nova militlibro de Remarque, estas tradukita en Esperanton. La Esperanta eldono aperos post nelonge.

**Esperanto ĉe la Haga Konferenco.** En la telegrafoficejo de la konferenco oni povis legi super unu el la giĉetoj la afiŝeton : « Tie ĉi oni parolas Esperanton ». Oficisto parolanta Esperanton tie funkciis kaj portis la insignon permesatan de la P. T. T.-Estraro.

---

# LA TRAFIKO EN LA HAVENO DE ANTVERPENO

Dum la monata Septembro alvenis 1014 ŝipoj kun 2.111.091 tunoj, tio signifas pliiĝon de 29 ŝipoj kaj 68.575 tunoj rilate al la ciferoj de la sama monato en 1928. Inter la alveturintaj ŝipoj estis 402 anglaj, 198 germanaj, 74 belgaj, 88 nederlandaj, 59 norvegaj, 51 francaj, 41 svedaj, 28 danaj, 17 italaj, 9 grekaj, 8 finlandaj, 8 usonaj, 6 japanaj, k. t. p.

# ESPERANTA RIMVORTARO (Kvara parto)

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| ekonomi | kelidoni | ĉarpi | tenebri | kategori |
| agronomi | peoni | harpi | vibri | aposteriori |
| aŭtonomi | afoni | skorpi | embri | apriori |
| astronomi | simfoni | rupi | haradri | cikori |
| gastronomi | agoni | ari | sinedri | sk̂ori |
| akromi | begoni | bari | kalandri | kalori |
| anatomi | kosmogoni | herbari | hipohondri | tori |
| sterotomi | brioni | referendari | Siberi | ambulatori |
| osmi | cikoni | sekundari | ceri | oratori |
| mumi | keloni | kokleari | feri | laboratori |
| Oceani | koloni | hari | periferi | observatori |
| Epifani | amoni | kari | menaĝeri | konservatori |
| lani | ceremoni | salikari | Alĝeri | kompletori |
| mani | parcimoni | vikari | oranĝeri | aŭditori |
| monomani | harmoni | araŭkari | galeri | teritori |
| kampani | filharmoni | malari | kavaleri | faktori |
| kompani | makaroni | kancelari | celeri | trajektori |
| gerani | ironi | stelari | artileri | direktori |
| krani | atoni | korolari | kaperi | histori |
| hemikrani | garni | skrofulari | imperi | konsistori |
| urani | guberni | samari | seri | psikiatri |
| litani | herni | primari | loteri | natri |
| titani | sirni | kanari | bateri | planimetri |
| zizani | Juni | linari | materi | simetri |
| adeni | komuni | katalinari | difteri | geometri |
| gardeni | petuni | pulmonari | kriteri | stereometri |
| geni | pi | saponari | psalteri | eŭdiometri |
| ingeni | api | ternari | infanteri | trigonometri |
| seleni | skapi | pari | galanteri | hidrometri |
| neni | terapi | lunari | disenteri | higrometri |
| ruteni | hidroterapi | hornorari | loteri | itri |
| glicini | elektroterapi | impresari | arteri | stri |
| robini | sepi | proletari | histeri | industri |
| vakcini | anticipi | sekretari | ministeri | kaŭri |
| garcini | dagereotipi | komentari | averi | Furi |
| akrodini | hromotipi | notari | gri | kuri |
| delfini | tempi | protonotari | flagri | albuminuri |
| lini | opi | vari | empiri | acetonuri |
| mini | ambliopi | akvari | Siri | disuri |
| alumini | ektropi | kalvari | Asiri | centuri |
| pini | mikroskopi | ovari | kri | bisturi |
| opini | hipermetropi | kasuari | cibori | saŭri |
| aktini | filantropi | rozari | teori | kasi |
| kalumni | ektopi | kambri | alegori | kolokasi |
| cidoni | utopi | ebri | gregori | gimnasi |

pasi
koncesi
procesi
profesi
Mesi
progresi
impresi
pleŭresi
misi
komisi
aksi
kaheksi
fleksi
cirkunfleksi
apopleksi
aneksi
asfiksi
emulsi
konvulsi
ekspansi
dimensi
pensi
kompensi
tensi
hortensi
alttensi
ambrosi
tapsi
katalepsi
epilepsi
dispepsi
nekropsi
akromatopsi
inversi
galimati
diplomati
krestomati
apati
telepati
antipati
simpati
homepati
alopati
hidropati
teokrati

aristokrati
plutokrati
demokrati
aŭtokrati
liti
meti
garanti
grunti
epizooti
parti
galvanoplasti
dinasti
sugesti
amnesti
travesti
eŭkaristi
sakristi
hosti
aguti
endivi
salvi
silvi
envi
sinovi
aluvi
diluvi
pluvi
Azi
abazi
gimnazi
fantazi
apostazi
dezi
cezi
diecezi
geodezi
alezi
eklezi
kolizi
amnezi
artemizi
vizi
revizi
divizi
geogrozi

erozi
ambrozi
akuzi
sozi
Andaluzi
ĵaluzi
iluzi

IB

ĝib
rib
skrib
preskrib
trib
ovib

IBL

sibl
vestibl

IBR

fibr
zingibr
libr
kalibr
ekvilibr
kolibr
kribr
vibr

IC

apendic
benefic
ofic
malic
helic
milic
silic
polic
kornic
spic
ŝpic
kapric
matric
patric

adventic
vertic
solstic
interstic
vic
novic
servic

IĈ

dediĉ
kondiĉ
sufiĉ
feliĉ
niĉ
riĉ
fetiĉ
pastiĉ
superstiĉ
sandviĉ

ID

id
-id
acid
decid
cirkumcid
incid
koincid
lucid
mucid
ofikleid
fid
konfid
perfid
egid
rigid
aldehid
arakid
orkid
valid
invalid
krizalid
izraelid
amarilid
solid

piramid
numid
nid
alfenid
Eŭmenid
oid
strofoid
abeloid
koloid
celuloid
ademoid
solenoid
aneroid
tiroid
vitroid
trapezoid
rapid
aspid
rid
askarid
kantarid
brid
hibrid
irid
akrid
klorid
sid
absid
oksid
insid
apsid
kariatid
asafetid
kapetid
karotid
fluid
druid
vid
avid
lavid
levid
gvid
divid
likvid
prezid

**IDR**
cidr
hidr
anhidr

**IDV**
vidv

**IF**
specif
ĉif
edif
modif
kalif
hieroglif
klif
signif
soif
rif
skarif
tarif
ŝerif
grif
logogrif
apokrif
tif
rektif
zizif

**IFR**
cifr
deĉifr

**IG**
ig
-ig
dig
indig
fig
gig
lig
pfenig
pig
rig
brig
kvadrig
intrig
strig
instig

**IGL**
rigl
trigl
strigl
vigl

**IGM**
paradigm
enigm
stigm

**IGN**
cign
dign
indign
lign
sign
asign
insign
rezign

**IGR**
verdigr
migr
nigr
tigr

**IĜ**
iĝ
-iĝ
negliĝ
prestiĝ

**IK**
arhaik
laik
voltaik
mozaik
kacik
kolĉik
dik
abdik
radik
pedik
predik
heraldik
indik
sindik
grafik
ideografik
efik
specifik
kvalifik
skarifik
klasifik
pontifik
artifik
mistifik
tragik
logik
cefalik
kalik
ideolalik
salik
silik
publik
respublik
sabelik
angelik
helik
drelik
flik
umbilik
filik
silik
bazilik
klik
simbolik
majolik
kolik
bukolik
katolik
plik
aplik
multiplik
implik
komplik
baŝlik
hidraŭlik
amik
dinamik
ceramik
polemik
mimik
komik
fiziognomik
termik
formik
purnik
organik
meĥanik
manik
panik
botanik
urjadnik
fenik
penik
arsenik
teĥnik
cinik
klinik
poliklinik
teknik
dominik
politeknik
piroteknik
elektroteknik
mnemoteknik
ideofonik
harmonik
askalonik
kanonik
veronik
tonik
kronik
betonik
arnik
kornik
unik
komunik
ekskomunik
tunik
stoik
pik
tropik
topik
spik
anarik
agarik
karik
larik
tamarik
varik
brik
fabrik
lumbrik
onobrik
rubrik
perdrik
erik
klerik
kolerik
Amerik
hiperik
serik
histerik
Afrik
lirik
dorik
sorik
kokorik
retorik
paprik
trik
metrik
citrik
strik
histrik
cirik
klasik
brasik
psik
kapsik
persik
korsik

tik
atik
iskiatik
viatik
gralatik
matematik
pragmatik
numismatik
pneŭmatik
fanatik
lunatik
hepatik
statik
anastatik
hieratik
hidrostatik
etik
emetik
hermetik
kosmetik
aritmetik
fonetik
poetik
estetik
anilitik
politik.
kritik
tritik
didaktik
profilaktik
praktik
taktik
dialektik
eklektik
kantik
Atlantik
romantik
aŭtentik
gotik
narkotik
demotik
karotik
erotik
skeptik
diptik

ekliptik
triptik
optik
sinoptik
artik
vertik
fortik
portik
vortik
urtik
skolastik
plastik
galvanoplastik
mastik
gimnastik
testik
balistik
statistik
stilistik
mistik
beletristik
kazuistik
lingvistik
diagnostik
progrostik
akrostik
akustik
kaŭstik
friŝtik
butik
aeronaŭtik
propedeŭtik
terapeŭtik
cervik
vezik
fizik
metafizik
muzik

.IKL

cikl
bicikl
tricikl
pedikl
perpendikl
panikl
kunikl
aŭrikl
tikl
klavikl

IKS

fiks
afiks
prefiks
krucifiks
sufiks
miks
niks
feniks
oniks
forniks

IKT

dikt
edikt
interdikt
verdikt
konflikt
aflikt
distrikt

IKV

likv
oblikv
relikv
antikv
silikv

IL

mil
il
-il
bil
babil
lokomobil
aŭtomobil
morbil
bacil
facil
gracil
motacil
kodicil
oscil
cedil
krokodil
fil
kariofil
hidrofil
profil
klorofil
angil
argil
kil
skil
mil
alĉemil
simil
asimil
faksimil
kamomil
spesmil
humil
vanil
kampanil
koĉenil
pil
papil
kompil
serpil
spil
mespil
pupil
bril
kvadril
steril
goril
gril
April
tril
sil
aksil
konsil
tonsil
psil
volatil
subtil
daktil
etil
acetil
mantil
metil
gentil
stil
distil
pistil
peristil
util
abutil
vil
vodevil
civil
trankvil
(jonkvil)
junkvil
paskvil
azil
ekzil

ILD

bild
gild
mild
ŝild

ILF

silf

ILJ

kamarilj
kantilj
kastilj

ILK

pilk
silk

ILM

film

**ILTR**
filtr

**ILV**
milv

**IM**
cim
didim
reĝim
Eskim
lim
glim
ŝlim
pantomim
anim
pseŭdonim
homonim
anonim
sinonim
evonim
rim
pilgrim
krim
prim
esprim
maksim
proksim
bravisim
generalisim
ŝim
tim
legitim
viktim
centim
intim
septim
kutim
pavim
infinitezim

**IMB**
limb
kolimb
nimb

**IMF**
limf
nimf

**IMPL**
simpl

**IMN**
himn

**IMR**
kimr

**IN**
in
-in
kokain
albin
kombin
hemoglobin
turbin
konkubin
cin
acin
medicin
ricin
vakcin
Parcin
rezorcin
halucin
faŝcin
ondin
sardin
kazein
kafein
fin
Fin
rafin
parafin
eglefin
difin
morfin
vagin
begin
origin
angin
androgin
georgin
ĝin
ĝin
anĝin
Ĥin
ekin
lin
lin
alin
turmalin
naftalin
zibelin
vazelin
ilin
anilin
klin
deklin
inklin
kaolin
mandolin
krinolin
gazolin
disciplin
muslin
mulmuslin
tuberkulin
min
min
amin
stamin
balzamin
elimin
kulmin
karmin
termin
determin
albumin
legumin
kumin
alumin
ilumin
nin
kanin
tanin
Apenin
kinin
striknin
madonin
primadonin
kinkonin
matronin
Amazonin
pin
atropin
spin
ŝpin
lupin
mandarin
stearin
margarin
marin
tamarin
fibrin
glicerin
megerin
pelerin
antipirin
latrin
doktrin
urin
tamburin
sin
sin
kasin
bisin
fuksin
pepsin
maŝin
arŝin
tin
latin
palatin
platin
skarlatin
kavatin
retin
subretin
bitin
akonitin
aktin
kantin
galantin
sentin
tontin
nikotin
gilotin
travertin
kurtin
destin
obstin
aglutin
rutin
ruin
vin
sangvin
ŝovin
kalvin
kazin
karmezin
rezin
cerezin
benzin

**INC**
grinc
princ
provinc

**INĈ**
linĉ
pinĉ

**IND**
ind
-ind
bind
Hind
blind
tamarind
ŝind
vind

**INDR**
cindr
cilindr
tindr

**INGL**
pingl

**ING**
ing
-ing
puding
ŝiling
kling
kamerling
sterling
mening
ring
haring
laring
Lotaring
fring
siring
kring
string
adstring
aksing
ating
miting
esting
disting
sving

**INGR**
fingr

**INGV**
lingv

**INK**
ink
link
klink
drink
amblirink
trink
ŝink
tink
stotink
vink
konvink
zink

**INKS**
sfinks

**INKT**
instinkt
vinkt

**INT**
-int
terebint
hiacint
kolocint
kolokint
plint
splint
pint
labirint
absint
tint
akvatint
kvint

**INTR**
vintr

**IP**
cip
precip
anticip
particip
emancip
princip
ekip
lip
polip
slip
tulip
pip
grip
trip
ŝip
stereotip
tip
dagerotip
prototip
stip
ŝtip
vip

**IPL**
disĉipl
peripl
kripl
atripl

**IPR**
pipr

**IPS**
gips
Apokalips
elips
eklips
pips

**IPT**
Egipt
Eŭkalipt
kript
reskript
manuskript

**IR**
ir
hetair
barbir
cir
oficir
dir
nadir
safir
zefir
profir
gir
panegir
litargir
ĝir
heĝir
menhir
akir
fakir
konkir
Baŝkir
lir
spalir
kavalir
delir
glir
mir
admir
ŝmir
kaŝmir
pionir
ĉarnir
turnir
foir
pir
rapir
erapir
tapir
lampir
vampir
agropir
sopir
spir
aspir
inspir
konspir
sir
eliksir
ŝir
tir
latir
satir
martir
kuir
vir
elzevir
decemvir
dezir
centumvir
vezir

**IRD**
bird

**IRG**
smirg
virg

**IRH**
mirh

**IRK**
lairk
cirk

**IRL**
kirl

**IRP**
ĉirp

**IRT**
hirt
flirt
mirt
virt

**IS**
is
-is
Ais
bis
ibis
cis
narcis
abscis
dis
fis
afis
gis
ĝis

# BIBLIOGRAFIO

**ĜENERALA LIGO DE LA BLINDULOJ DE FLANDRUJO.** Kajero 16-paĝa 14 x 21,5 cm. Eldonis Frans Fiten, 29, Rijselschebaan, Antverpeno-W. Prezo nemontrita. Enhavas : Studon pri la eduko de la flandraj blinduloj kaj la blindul-antaŭzorgo.

**POŜKARTO KUN PORTRETO DE D-ro ZAMENHOF** aperis en Aalst. Faris la eldonon R. De Kekel kaj P. Collin, Denderstraat 58. La portreto estas farita de H. Pieyns, laŭ kubista maniero. Prezo: Fr. 5,— por 10 ekzempleroj. Mendojn sendu al suprecitita adreso.

**LA DORMANTO VEKIĜAS.** Romano de H. G. Wells. El la angla lingvo tradukita de A. Frank Milward. 212 paĝoj 12 x 18 cm. Eldonis 1929: The Esperanto Publishing Company, Ltd. Londono W. C. 1. Prezo : ŝ. 3/6. La verko estas specimeno tipa pri la antaŭe verkitaj libroj pri fantazioj kaj mirindaĵoj de la fama angla aŭtoro H. G. Wells, kiujn ni ja ne devas prezenti al la leganto. La libro donas bildon pri la vivo en okcidenta Eŭropo post ducent jaroj. La tradukinto liveris meritoplenan laboron. Plezure oni legos la libron, kiu estas plej zorge eldonita.

**VIZITU POLLANDON** estas 16-paĝa faldprospekto ilustrita, eldonita de Pola Esperanto-Asocio subvenciita de la Ministerio de Eksterlandaj Aferoj, de Publikaj Laboroj kaj de komunikoj 1929.

**LA LEONO DE FLANDRUJO** de Hendrik Conscience. El la flandra lingvo tradukis H. J. Bulthuis, L.K., Eldonis W. J. Thieme & Cie, Zutphen. 1929. 312 paĝoj 15,5 x 23,5 cm. Prezo : broŝurite Guld. 3,25, bindite Guld. 3,75.

Jen traduka laboro de la verkisto Bulthuis, kiu per tiu ĉi novaperinta libro, pruvas ke, krom lia originala laboro, li ne preterlasas la por nia lingvo same interesan tradukon de naciaj ĉefverkoj. Kaj je tiu vidpunkto, ni Belgoj precipe povas ĝoji, ĉar la holanda tradukinto elektis flandran ĉefverkon, tre certe ne similas al kelkaj ĉefverkoj el aliaj literaturoj, sed kiu tamen estas tre kara al ni, ĉar ĝi estas la precipa verko, de tiu « kiu instruis la legadon » al la flandra parto de niaj samlandanaro. « La Leono de Flandrujo » kiom da romantismo kuŝas en tiu ĉi titolo, kiom da interesa kaj agrabla legaĵo rezervas al ni la legado de la 300 paĝoj grandformataj, kiujn enhavas la libro. Aldonu ni, ke la tradukinto, kiu ŝatas la precizecon ne nur en siaj propraj verkoj, sed ankaŭ en siaj tradukaj laboroj, kunpresis, malsupre je la paĝoj multajn notojn, kies legado faciligos al la eksterlandanoj, kiuj tamen plejgrandparte devos legi tiun Esperanto-tradukon ,la komprenon de specialaj situacioj, de neordinaraj aĵoj, kiujn ili renkontos en la teksto. Ni ne dubas, ke ĉiuj belgaj samideanoj deziros akiri por sia biblioteko tiun duon-biblion de la flandra popolo, kiu apartenas al periodo kiu jam tiom longtempe ŝajnas for, sed kiu tamen ĉiam enhavas tiom da estanteca realismo.

**REVOLUCIO EN LA LINGVOSCIENCO.** Skizo de A. P. Andreev. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. 68 paĝoj 12 x 15 cm. Prezo nemontrita.